

# PENSEO

N-ro 163

Majo./2005

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 16-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm


# El Strangaĵoj de Liaozhai



## DEFRAŬDOJ (III)

Instruitulo Li de Jiaxiang, Shandong-provinco, tre lertis en ludado de liuto.

Iutage, hazarde li promenis al la orienta antaŭurbo kaj vidis antikvan liuton elfositan de tero, kaj Li aĉetis ĝin je malkara prezo. Forviŝinte la supraĵan polvon, li vidis ke la liuto radiis per neordinaraj glimbriloj. Li adaptis kordojn al ĝi kaj ludis, jen aŭdiĝis muziko kun aparte klaraj kaj sonoraj sonoj. Ekstaze, Li sentis sin kvazaŭ trovinta raran trezoron. Li konservis la liuton per brokata liutujon kaj kaŝis ĝin en kabineto, neniam montris ĝin publike eĉ al siaj plej intimaj parencoj.

Al la gubernio venis jen nova oficisto, asistanto de la guberniestro, nomata Cheng. Ĉe sia enoficiĝo, li prezentis sian nomkarton viziti al Li. Origine instruitulo Li ne estis societema, tamen, ĉar la oficisto Cheng faris la unua alviziton, Li do reciprokis ĝentilan reviziton ankaŭ al li.

Post kelkaj tagoj, la oficisto refoje invitis Li-n al kundrinko. Ĉar li invitis tre insiste, instruitulo Li fine akceptis. Cheng estis tre klera kaj eleganta, kun erudiciaj babiloj, kio tre plaĉis al Li. Post unu tago, Li ankaŭ sendis leteron por reciproka invito, kaj dum la gaja kundrinko ili fariĝis pli intimaj. Depost tiam, okaze de belaj vesperoj kaj matenoj, ili ofte kune pasigis la bonan tempon per aprezo de luno aŭ floroj.

Forpasis pli ol unu jaro. Iutage, Li hazarde vidis en la oficejo de Cheng liuton en brodita sako, metitan sur tablo. Li ekaprezis la liuton, dume Cheng demandis:

"Ĉu vi ankaŭ bone konas liuton?"

"Jen mia plej granda ŝatokupo dum tuta vivo!" respondis Li.

"Ho, ni amikiĝis jam multajn tagojn!" Cheng diris kun miro, "kial vi ne publikigu vian majstran arton antaŭ mi?"

Do li iom disŝovis polvon en incensujo, ekbruligis kalambakon kaj petis ke Li ludu unu pecon.

"Ho! Vere majstra ludo!" kore laŭdis Cheng. "Do ankaŭ mi volas prezenti mian nelertan ludon, bonvole ne primoku!"

Kaj Cheng ekludis kompozicion *Veturi per Vento*, kiu aŭdiĝis klara kaj sonora, kun inspiro pri forlaso de la homa mondo. Instruitulo Li sentis ankoraŭ pli grandan admiron kaj volis preni Cheng-n kiel sian instruiston.

Ekde tiam ili intime interkomunikiĝis per la komuna hobio liutludo kaj pli profundiĝis la amikeco inter ili. Post pli ol unu jaro, Cheng instruis ĉiom da sia arto al Li. Tamen, ĉiufoje, kiam Cheng vizitis al hejmo de Li, Li liveris al Cheng nur ordinaran liuton por lia ludo kaj neniam malkaŝis sian raran antikvan trezoron.

Iuvespere, Li estis iomete ebria, Cheng diris: "Lastatempe mi ĵus ellernis novan muzikon, ĉu vi volontus aŭskulti?" Kaj li ekludis por Li arion *Princino de Xiang-rivero*, kiu aŭdiĝis malankolia, kvazaŭ ion prilamentanta. aŭdinte la ludon, Li multe laŭdis. Tamen Cheng veis dirante:

"Bedaŭrinde mankas al mi bona liuto! Ĉar ludado per bona instrumento aŭdiĝas ankoraŭ

pli superbe.”

“Ho, mi konservis unu bonan liuton, multe distingiĝa ol la banalaj muzikiloj.” respondis Li bonhumore. “Nun, renkontante intiman bonkonanton, ĉu mi ankoraŭ kuraĝas ĉiam teni ĝin sekreta?"

Kaj, li malfermis ŝrankon, elportis la liutujon. Cheng forviŝis per sia maniko la polvon desur la liuto, metinte ĝin sur tablo, ekludis. La ritmoj forta kaj milda harmonie interplektigxis kun vere mirinda sorcxefiko. Aŭskultante, Li frapadis la taktojn kaj senĉese admiris.

“Ho, mia fuŝa ludado vere malindigis la bonan liuton.” vesuspiris Cheng, dirante. “Tamen, se mia edzino ludus per tio, certe estos unu aŭ du aprezindaj notoj!”

Kun granda miro Li demandis: “Ho, ĉu s-ino via edzino ankaŭ lertis je liutludo?”

Kontente ridante, Cheng respondis: “La muzikon, kiun mi ĵus ludis, mi lernis ja de mia edzino!”

“Ho, bedaŭrinde! S-ino vivas en buduaro.” diris Li suspirante. “mi neniam havos la bonŝancon aŭskulti ŝian ludon!”

“Sed por ni tiel intimaj amikoj tute ne necesas tiel multaj rutinaj tabuoj.” diris Cheng, konsolante. “Morgaŭ, bonvole alportu vian liuton kaj mi aranĝos ke ŝi ludu por vi trans kurteno!"

Aŭdinte tion, Li tre ĝojis.

La sekvan tagon, Li efektive kunportis sian liuton viziti al Cheng. Cheng tuj pretigis vinon kaj pladojn por rava kundrinko. Post momento, Cheng portis la liuton internen, sed tre rapide li jam eliris kaj residiĝis, daŭrigante la drinkon. Post nelonge trans la kurteno vidiĝis malklara figuro de belulino, kaj tuj sekve aromo jam elŝvebis fojo post fojo el trans la pordo. Ankoraŭ post momento, aŭdiĝis mallaŭte kordvibroj. Li atente aŭskultis, sed ne sciis kiu ario tio estis. Li nur sentis la muzikon tiel sorĉe tiklanta, penetranta ĝis lia koro ke lia animo raviĝis preskaŭ sen konscio. Post finludo de unu peco, ŝi proksimiĝis al la kurteno eksteren kaj Li rimarkis ke tiu estis pli ol 20-jara senkompare bela ĉarma virineto.

Tiam Cheng invitis Li-n al pli delica drinko per granda pokalo kaj trans la kurteno jen jen aŭdiĝis nova ludo de *Libera Amsopiro*. De tio Li estis sorĉita kaj korpe kaj anime. Li ĝuis folan drinkegojn kaj fariĝis tre ebria.

Leviĝante Li volis hejmen reveni kaj petis redonon de sia liuto, sed Cheng respondis:

“Nun vi estas tro ebria. Estu singardema pri stumbla glitfalo survoje. Morgaŭ vi revenu, kaj mi certe lasos ŝin prezenti senrezerve ĉiom da sia arto.”

Tiel Li revenis al hejmo, sen sia liuto.

La sekvan tagon, Li revizitis al Cheng, sed nur vidis ke la oficejo estis tute kvieta, kie restis unu maljuna laboranto gardanta la pordon. Demandite la maljuna laboranto respondis:

“Hodiaŭ frumatene s-ro Cheng jam forveturis kunportante siajn familianojn kaj neniu sciis kion li volas fari. Li nur diris ke li bezonas tri tagojn por iri-revena vojaĝo.”

En la nomita dato Li revizitis atendi Cheng, sed ĝis vespero nenian informon. Eksuspektis ankaŭ la pedeloj kaj oficejaj laborantoj kaj ili raportis tion al la guberniestro.

Rompinte la seruron ili esploris la loĝejon de Cheng kaj trovis ke la ĉambroj ĉiuj estis malplenigitaj, krom nur tablo kaj lito postlasitaj. La guberniestro raportis tion al superuloj, sed neniu povis konjekti kial Cheng devis ŝtele forkuri.

Perdinte sian karan liuton, Li perdis ankaŭ apetiton kaj dormon. Spite al penado instruitulo Li faris longan vojaĝon de mil lioj al malproksima hejmloko de Cheng esplori.

Laŭdire Cheng estis loĝanto de Hubei. Antaŭ tri jaroj per monofero li aĉetis la oficon de guberniestra asistanto en Jiaxiang. Instruitulo Li faris esploron en lia hejmloko laŭ la nomo de Cheng, sed en Hubei trovigis neniu identigito.

aŭ oni diris: "Vivis iu taoisto Cheng, kiu tre lertis en liutludado, kaj posedis magion origi ŝtonon, sed antaŭ tri jaroj li subite forlasis ĉi tien kaj neniu revidis lin."

Instruitulo Li supozis ĉu la taoisto estis tiu Cheng. Li detale demandis pri la aĝo, aspekto k.c. de la taoisto, je ĉiom ekzakte konformaj kaj li ekkomprenis ke ĉiuj agoj de la taoisto, oferi monon kaj aĉeti oficon, ja celis al lia antikva liuto. Kiel intima amiko tamen li neniam parolis pri muziko dum pli ol unu jaro; poste, iom post iom, li elmontris sian liuton, sian arton kaj, paŝon post paŝo, sorĉis lin per belulino, tiel post klopodado de tri jaroj li fine defraŭdis la liuton kaj tuj forveturis. Ho, la manio de la taoisto pri la liuto ja estas eĉ pli forta ol la instruitulo! En la mondo troviĝas vere diversaj ruzaj trompoj, tamen tiu de la taoisto ja viciĝis inter elegantaj.

**tradukis Guozhu**

## Bingxin (1900-1999)

## Malgranda Lanterno el Oranĝŝelo

(I)

Tio okazis antaŭ pli ol dekkelkaj jaroj.

Posttagmezon tuj antaŭ Printempa Festo mi iris al la antaŭurbo de Chongqing por viziti mian amikinon. Ŝi loĝis sur la etaĝo super la vilaĝa oficejo. Suprenirinte la malluman kaj mallarĝan ŝtuparon kaj trapaŝinte la ĉambron kun kvadrata tablo, kelkaj bambuaj taburetoj kaj telefonilo muntita sur la muro, mi eniris ŝian loĝejon, kiu estis apartigita disde la ekstera ĉambro per ŝtofa kurteno. Ŝi forestis. Sur la tablo antaŭ la fenestro restis paperslipo, kiu informis, ke ŝi eliris pro afero kaj ke mi atendu ŝin.

Mi sidiĝis antaŭ ŝia tablo kaj pretervole prenis ĵurnalon por legi. Subite mi aŭdis, ke la pordklapoj de la eksterĉambro malfermiĝas kun krakbruo, kaj iom poste, ke iu movas unu el la bambuaj taburetoj. Mi deflankigis la kurtenon kaj vidis knabineton ĉifonvestitan kaj sandalportitan sur la nudaj piedoj, verŝajne ok- aŭ naŭ-jaraĝan, kun malgrasa kaj pala vizaĝo, palegaj lipoj pro frosto kaj mallonga hararo, surpaŝantan la tabureton por preni la aŭskultilon. Ekvidinte min, ŝi verŝajne surpriziĝis kaj retiris sian manon. Mi demandis ŝin: "Ĉu vi volas telefoni?" Descendante la tabureton, ŝi kapjesis, dirante: "Mi konektas al hospitalo por serĉi Doktoron Hu. Mia panjo ĵus multe sputis sangon." Mi demandis: "Ĉu vi scias la telefonnumeron de la hospitalo?" Ŝi kapneis dirante: "Mi ĝuste volas peti informon el telefoncentralo…" Mi tuj konsultis la telefonlibron apud la telefonilo por serĉi la telefonnumeron de la hospitalo kaj refoje demandis: "Al kies hejmo mi petos lin iri, se mi sukcesos serĉi la Doktoron?" Ŝi diris: "Nur diru, ke la edzino de Wang Chunlin malsaniĝas, kaj li alvenos."

Mi konektis la telefonon, kaj ŝi emocie dankis min kaj turniĝinte volis foriri. Mi tiris ŝin demandante: "Ĉu via hejmo estas malproksima?" Fingromontrante eksteren de la fenestro ŝi diris: "Jen sub la granda oranĝoarbo en la valo, tuj proksime." Tion dirinte, ŝi tuj descendis la ŝtuparon.

Mi denove revenis en la loĝejon kaj foliume tralegis la ĵurnalon. Post tio, mi prenis *Tri cent Poemoj el Tang-Dinastio* kaj kiam mi ellegis duonon da ĝi, des pli malheliĝis. Mia amikino ankoraŭ ne revenis. Mi stariĝis enue kaj rigardis el la fenesto eksteren la montaran pejzaĝon vualitan per densa nebulo. Kiam mi vidis la kabanon sub la oranĝoarbego, ekleviĝis en mi la deziro, ke mi vizitu la knabineton kaj ties patrinon malsaniĝantan. Mi descendis la ŝtuparon kaj ĉe la pordo aĉetis kelkajn grandajn kaj ruĝajn oranĝojn, kiujn mi enmansakigis. Laŭ la zigzaga kaj malebena vojeto pavimita per ŝtonplatoj mi atingis la pordon de la kabano.

Mi malpeze frapis je la klapo. Eliris kaj malfermis la pordon la knabineto, kiun mi ĵus konatiĝis. Kun levita kapo, ŝi ekvidis min. Je

tio ŝi konsterniĝis en momento, kaj poste ridetis kaj mansignis al mi ke mi enriu. La ĉambro estis tre malgranda kaj tre malhela. Sur la tabullito ĉe la muro kuŝis ŝia patrino



kun fermitaj okuloj, verŝajne en dormo. Sur la litkovrilo restis sangaj makuloj. Ŝia vizaĝo flankiĝis internen, kaj videblis nur la taŭzitaj haroj sur ŝia vizaĝo kaj la granda hartubero sur la postkranio. Ĉe la pordo estis malgranda karboforno, sur kiu staras argila poteto el kiu senforte ŝprucis varma vaporo. La knabineto cedis al mi sidi sur la tabureto antaŭ la forno kaj ŝi mem kaŭris apud mi, ekzamenante min de tempo al tempo. Mi mallaŭte demandis ŝin: “Ĉu la doktoro alvenis?” Ŝi diris: “Jes, li venis kaj donis injekton al mia panjo…ŝi nun pli multe pliboniĝas.” Ŝi kvazaŭ konsole diris al mi: “Trankviliĝu. Morgaŭ la doktoro ankoraŭfoje revenos.” Mi demandis: “Ĉu ŝi manĝis ion? Kio estas en la poto?” Ŝi diris kun rido: “Kaĉo kun batotpecoj — la frandaĵo por nia jarfina vespero.” Mi ekmemoris la oranĝojn, kiujn mi kunportis, kaj elprenis kaj surmetis ilin sur la tabulotableto apud la lito. Nenion ŝi eldiris kaj nur eletendis unu manon kaj elektis la plej grandan. Ŝi detranĉis la ŝelon de ĝia supra parto kaj malpeze petolknedis per ambaŭ manoj la senŝeligitan parton. (daŭrigota)

Esperantigita de Xiong Linping

## Al Sinjoro Jiang Zuyue 80jara

en la ĉambreto trovas sin
tergloba koro.
iriza la pontego ligas
maromontojn.
ventoj ŝanĝadas pluvojn ekster la fenestro,
kandeloj lumas tra la kvar sezonoj ravaj.

neĝo la kapon kovras;fajro brilas sine.
la sulkon fosas vi neniam palavrante
pri ilo,spite al ondaro or-arĝenta.
mane skribitaj la ĉapeloj floras stele.

la delegito por la haŭtoj plurkoloraj,
la ĉiĉerono nur postulas saman voĉon.
adeptigado kaj adopto as kutimo;
la persikfloroj riĉas ne nur en la sudo.

la spuroj de pegazo inter la arbegoj
al ni alportas torĉojn tra la densa nigro.
mi,dido,gajnas kroman flugilaron feran.
kun la oleo fonta la movado daŭras.

2004-10-2, **mao zifu**

## Liu Yuxi (772-842)

**Unu Ĉineska Poemo**

**laŭ la melodio *Bombubranĉo***

Poploj kaj salikoj verdas kaj river' kvietas,
Fraŭla kanto bel-arias el la mez' rivera.
Oriente l' suno brilas, ŭeste pluvo etas,
Ĉu serenas aŭ malhelas ŝanĝo amvetera?

**Celumio** tradukis

*Bombubranĉo estas popolkanto en la antikva suda Ĉinio. Kun kurta versa stilo kaj natura rakonto, la poezia versformo konsistas el kaj kvar versoj kun sep idografiaĵoj laŭ la ĉina lingvo Hanzio.*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊